3a jaro - Noj 12-13-ktp. (Publication mensuelle) Decembro 1935 ktp.

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



NE PLU KAPEROS

« Foje estis stranga revueto,
kiu nomiĝis La Pirato ..... »




# ADIAŬ

Majstre, kiel ĉiam, Raymond Laval per sia sagaca plumo skizis la situacion. Jen: nia fiera ŝipo, kies ŝipestro fariĝis filistro, senvele nun drivas en la abismon de l' forgesiteco.

Ne plenumiĝis sufiĉe komplete nia espereto, ke eble venos harditaj maristoj por kunlabori sur nia galero. Jes, kelkaj venis kaj sindone alportis sian parton. Ili ricevu ĉi tie nian plej pezan dankon! Sed ne sufiĉas. Malgraŭ bonvolo, diversflanke montrita, malgraŭ plej kuraĝigaj, amikecaj, ofte kortuŝaj vortoj, ricevitaj el ĉiuj terpartoj (ni mem neniam sciis, ke ni havas tiom da geamikoj!), malgraŭ ĉio restas la sobra fakto: mankas firma garantio de regula kunlaboro, kiu povus certigi ĉiumonatan plenigon de niaj dekses paĝoj en la senco de l' ĝisnuna Pirato. Ĉar, en tiaj cirkonstancoj, neniu el niaj kutimaj kunkulpuloj konsentis preni sur sin la pluan eldonadon, ni decidis ne plu kaperi.

Tiu ĉi numero estas la lasta. (Ĉi tie la elita leganto diskrete forviŝu unu larmon. Dankon!) Al ĉiuj geamikoj tra la tuta mondo, kiuj ĉiam kompreneme sekvis nin, ni diras Dankon kaj deziras Bonfarton kaj sanan Humoron!

... Kaj kun multe da melankolio subskribas sian lastan Pirat-artikolon

La Eks-Ŝipestro.




# Malgranda rezultato de granda balotado

Uŝe-Eĥo, nia vigla gazeto-kolego, kiu jam ofte havis neordinarajn ideojn, organizis balotadon inter siaj legantoj por ekscii, « kiuj estas la dek-du apostoloj de Esperanto ».

La balotado sukcesis pli ol la organizantoj rajtis esperi, ĉar ĝi proponas al nia admiro ne nur 12, sed 119 apostolojn laŭmerite (?) vicigitajn kaj numeritajn. — Kompreneble, pro diversaj kaŭzoj, kiujn ĉiu povas facile imagi, la rezultato de tiu ĉi amuza ludo havas neniun oficialan valoron kaj estas tre bone, ke oni neniam entreprenos starigi la oficialan liston de niaj apostoloj, ĉar tiam revekiĝus la paca batalemo de la Esperantista popolo !

Sed tiu ĉi balotado, kiu similis multe pli al salona distraĵo ol al scienca kaj kompetenta pesado de merit-atomoj, laŭ nia opinio tamen alportis unu pozitivan rezultaton. Ni konstatas, ke S-ro Rollet de l'Isle ricevis nur 14 voĉojn kaj okupas inter la apostoloj la 83-an lokon, dum la unuaj rikoltis facile 4.000 voĉojn. Ne estas nia tasko, meti S-ron Rollet de l'Isle sur la piedestalon, kiun li certe meritas kaj cetere neniel ambicias. Tamen... tamen... la rezultato de tiu voĉdonado estas stranga.

Nur dek-kvar voĉojn li ricevis. Ĉu tio ne pruvas plej efike, ke aŭtentika eminentulo, kiu servis kaj servadas Esperanton persiste kaj inteligente, povas, se tio plaĉas al li, propravole resti en la ombro, sen reklamo, sen tamtamo ?

Ni pensas, ke tiu ĉi konstato estas la sola neatakebla pozitivaĵo, kiun la Uŝe-Eĥo-ludo evidentigis.

La DEĴORANTA PIRATO.

# Nepluismo

En la lasta numero estis pritraktata la temo « Artabanismo ». Hodiaŭ ni prezentu al nia elita legantaro (elita, kiel pirata legantaro !) alian specon de literatura formo, nome, la Nepluismon, kiun ni senplue klarigos per kelkaj ekzemploj :

La Piratoj ne plu drinkos.
La edzinoj ne plu trompos siajn edzojn.
La pordistinoj ne plu klaĉos.
La Parizanoj ne plu gapos.
La Esperantistoj ne plu diskutos pri organizado.
Ferrari ne plu propagandos.
La Pirato ne plu kaperos . . . . .

kaj tiel plu... ne plu. R. L.

---

*Al la Redakcio de La Pirato, pro la peto sur paĝo 176, mi sendas iom da materialo por nova numero. Vi rajtas ĝin uzi laŭ via bontrovo, eĉ ŝanĝi ĝis nerekonebleco.*

Jam en la septembra numero La Pirato atentigis sian elitan legantaron pri la devo, heroe militiri laŭ la nobla modelo de S-ro Scherer, por helpi al niaj kuraĝaj germanaj kunbatalantoj. Kun ĝojo, ni konstatas, ke la alvoko de La Pirato sukcesis, eĉ ĉe eminenteguloj !

La ŝatata prezidanto de la Esp.-Akademio, S-ro Rollet de l'Isle, freŝdate eldonis valoran broŝuron pri « Skribado kaj Prononcado de la Personaj kaj Lokaj Nomoj ». En tiu broŝuro ni legas sur paĝo 14 : « *Administraj landaj dividoj.* La provincoj, departementoj, ktp., estos nomataj per sia nomo en la lingvo de la lando, kies parto ili estas (ekz. . . . . germane : Böhmen ; . . . .) ». Do eminenta Franco bonvole atribuas al Germanujo Böhmen (Bohemio, Ĉechy), landon de revoj, en kies bela ĉefurbo Praha en 1348 fondiĝis la unua germana universitato, kiu ktp . . . La ĝojo en Germanujo estis nepriskribebla ! En la grupo GSĈ oni festenfestadis per Eisbein-manĝado ! *) Sed kion diras niaj ĉeĥoslovakaj amikoj ?

Otto Richter, München.

---

*) Eisbein (elp. Ajsbajn) estas delikataĵo el peklita porkokruro, kiun oni kutimas manĝi kun acida brasiko.

# Okaze de Novjaro...

Kiel decas, niaj esperantaj gazetoj deziris al siaj legantoj multajn bonaĵojn okaze de l' nova jaro. Per delikataj vortoj kaj rafinitaj esprimoj, kiujn oni konservas tricent sesdek kvar tagojn funde de speciala tirkesto kaj liberigas nur unu fojon jare, ili tiel sincere aludis al niaj feliĉo, sano kaj prospero, ke larmoj nature venas al miaj okuloj, kiam mi revas pri ilia bonkoreco. Kelkaj bonvolis, okaze de tiu gratulperiodo, dediĉi ne nur kelkajn komplimentajn liniojn, sed eĉ tutan pasian artikolon... Tia ekzemple estas « Tempo » el Kyôto, kiu senmanke penetras tuj en la vivan parton de l' afero :

« Ĉe fondiĝo de Hungara Esperanto-Federacio, Julio Baghy deklaris, ke Esperanto estas eŭropa lingvo. Eĉ Baghy foje montras tian stultan miopecon. Foje eĉ Baghy, tiel virtuoza ne povas esti virt-oza. Homo estas erarema. Ankaŭ al Baghy povas okazi vagi eraran vojon kaj baki fuŝaĵon. Per tia stultaĵo — la federacion ne fondu ! Hontu ! »
(Citita de « Uŝe-Eĥo », novembro 1935.)

Ankoraŭ pli bilda estas la sento de « Kataluna Esperantisto » (novembro-decembro 1935) :

« Sed dum ni predikis kunlaboremon kaj sincere etendis la manon al ĉiu, aliaj preparis embuskon kaj kiel tretindaj serpentoj volis piki niajn kalkanojn. Proverbo diras : unu ovo malbona tutan manĝon difektas. Ni scias, kie estas tiu ovo kaj ni ĵetos ĝin sur la vizaĝon de la fizike kaj morale sensignifa malamiko, kiu ĝis nun komprenis predikon, kiel bovo muzikon. »

Tute firma en mia rolo de observantino, mi juĝas sen timo de eraro, ke tiuj floraj esprimoj havas dornojn kaj povas iel piketi ofendiĝemajn koncernatojn. Antaŭ ol malaperi samtempe kun nia kajero, mi volus starigi kiel netuŝeblan, imite al mia kara Fundamento (mi parolas pri tiu de nia lingvo), tiun belan principon : « Samideano estas por ni ĉiuj superhomo senerara. Lia vivmaniero aspektas antaŭ okuloj plej severaj kiel senmakula kaj ekzempla por la laika

mondo, kiu envias liajn virtojn. En lia cerbo ĝermas nur blindige geniaj ideoj ; liaj agoj estas nepre konformaj al racio, sprito kaj bonedukiteco. La vortoj de samideano estas malofta trezoro farita el la plej delikataj briliantoj kaj parfumoriĉaj konvaloj. » Mi estas tute preta defendi nian esperantistan ĝentilecon per kiaj ajn rimedoj kaj al tiu, kiu kuraĝus deflankiĝi de la vojo, kiun mi ĵus indikis, mi senhezite kaj precize demonstracios, ke tia sterkaĵo ne indas al vivo, ke li estas cerbamputito, senidealulo, ponardisto, antipatiulo, limako, sentripulo, idioto, dornhaŭtulo, akcesoraĵo, skorpio, velkanto, laksigilo, sofisto, pulbuŝelo, ĉiesaĵo, marĉa koto, iu-pri-kiu-oni-ŝatuskondolenci, panikulo, malpura ĉemizo, kanajlo, hipokritulo, novico, kloaka rato, antikvaĵo, klisteraĵo, konsilanto de l' malamiko, lakeo, prototipo de l' azena gento, k. c...

Ĉar antaŭ ĉio mi estas ĝentila.

MAFJA.

# LA CIRKO « SAXL »

## Intervjuo kun la Direktorino

Antaŭ ol ni povis atingi la hejman havenon per la februara decembra numero, sud-okcidenta uragano devigis nin rifuĝi en la frisan havenon Harlingen. Ĉar en tiu ebena lando ne estas multe da rifoj, ni ne povis rif-uzi. Ni albordiĝis.

Sed ne estis freŝaj, frizitaj Frisinoj por bonvenigi nin. Por serĉi iom da am-uzo, ni deŝipiĝis kaj vagis kaj rev-agis tra la urbeto.

Subite tentis nin tendo kun la surskribo « Cirko Saxl ». Ni aŭdis grandan bruon.

— Ĉu ĝi estas elefanto ?

— Ne, ĝi ne estas elefanto, sed ĝi estas porko.

Ĉi tiu dia-logo logis nin ĉiujn. Ni riskis viziti kun ne-vizita pasporto la cirkon. Nia ŝipestro donis bonan avizon anstataŭ vizon. Li petis kaj ripetis intervjui la direktorinon de la cirko por informi la samideanojn.

La Marga-reto tuj implikis nin. Enirinte ni rimarkis la dir-rektorinon meze de ŝia bestaro : hundo, kato, ĉevalo, elefanto, krokodilo, azeno, ktp. Krome estis multe da papagoj, kiuj tre bone pap-agis.

Ĉar mulinojn ni ankaŭ vidis, ni estis tre kontentaj kaj eble ankaŭ iom kuntentaj.

— Sentante naŭzon, mi faris paŭzon.

Post ĉi tiu rim-arko mi kuraĝe kuraĉis en la arenon, en kiu mi direktis min al la cirkestrino, petante de ŝi intervjuon.

Per sia plej ĉarma rideto ŝi onde respondis, ke ŝi bonvolas dece cedi kelkajn minutojn al ni.

— Ĉu vi prezentos en Francujo saman programon, kian vi nun donas en Frislando ?

— En Frislando mi klopodis enkonduki akrobataĵojn, sed tiam oni venas sur glatan, glitigan vojon. Mia manradiko ankoraŭ doloras...

— Do vi nur prezentos la bestaron kaj lasos la pied-agogion. Sed tamen atentu pri la diferencoj inter la Francoj kaj Frisoj.

— Estas simileco kaj diferenco inter ili. Kiam mi prezentas la katon, ambaŭ hezitas diri ion, ĉar Frisoj kutimas « rigardi la katon el la arbo » kaj Francoj ne volas « veki dormantan katon ». Jen similaĵo. Sed prezentante la azenon en Francujo, mi devas atenti, Francoj ĉiam inklinas nomi ĝin « ano ». Azenoj havas ne nur samajn orelojn, sed ankaŭ saman karakteron kaj SAMAN IDEON. Sciante tion, Francoj povus atribui al la vorto « samideano » novan signifon.

— Jes, vi pravas. Eble ankaŭ la Francoj.

Kaj ankaŭ la krokodilo estas tre danĝera. Kiam mi prezentas ĝin kun tranĉ-ilo kaj ŝlos-ilo en la mano, la kursanoj supozas, ke krokod-ilo estas ilo por krokodi.

— Sed pardonu, mi ne konas la neologismon « krokodi ».

— Ĉu vi neniam aŭdis pri la kro-kodo? Sen K.R.O.-kodo oni ne povas kompreni la Esperantlingvajn radioprelegojn de la K.R.O. *) en Hilversum. Mia malgranda, sed bona amiko kaj kol-ego Roland Dupuis, kiu ankaŭ dresas papagojn en Nederlando kun kaj sen pago, malkaŝis antaŭ mi la sek-retojn, en kiuj oni povas implikiĝi.

— Mi memoras, ke oni anoncis lian prelegon pri Rouen laŭ historia, arta kaj turisma vidpunktoj. Ĉu vi aŭskultis ?

— Jes, sed mi unue ne komprenis, ĉar estis prelego laŭ tutalia vidpunkto. Nur kiam ni eksciis la K.R.O.-kodon, solviĝis la problemo. Estis mal-diskretaĵo.

— Ĉu vi ne havas leonon en via cirko ?

— Mi havis, sed ĝi estis tro danĝera. Mi alkroĉis dukoloran kameon sur ĝian kapon kaj nun mi havas kame-leonon por komprenigi la korelativojn.

— Mi vidas tie urson. Kiel vi prezentas ĝin ?

— Kiam oni havigas al mi ĉekon (atentu : ne ĉeĥon, sed ĉekon !), mi tuj iras al la urso, ĉar urĝa afero estas ursa afero. Per la ĉeko mi logas la urson, ĉar mi komprenas la deziron, ke mi gvidu... ĉekurson.

— Mia lasta demando temu pri diveno de via deveno. Ĉu vi estas Ĉeĥino aŭ Berlinanino ?

— Ambaŭ samtempe kaj neniel : mi naskiĝis Ĉeĥino en Berlino, sed neniam parolas ĉeĥe kaj neniam estas en Berlino...

— Jen klarigo de via vagemo, tamen gemo. Mi deziras al vi kur-aĝon. Ĝis rev-ido en Francujo.

Mi prenis piron kaj rapon kaj mi sens-pire kaj rap-ide atingis la havenon. Ni iom kverelis kaj reekvelis.

Ŝi ne plu havas kameon. Ĉu mi proponu min mem kiel am-ul-eton ?

Sibo.

---

*) K. R. O. : Katholieke Radio-Omroep (Disaŭdigo).

# Giganta relajs-kurado

## La Fajro de Olimpio al Berlino!
## Sensaciaj bildoj kaperitaj de « La Pirato »

Jes, tion ni legis en la ĵurnaloj. La Olimpiada Komitato ĵus decidis, ke, okaze de la XI-a Internacia Olimpiado en Berlino, estos aranĝata giganta relajso-kuro. Oni prenos el la altaro de la Jova Templo en Olimpio simbolan torĉon, kies fajro ne estos ekbruligita per vulgara alumeto, sed per la suno mem, dank' al afabla kunhelpo de pliakriganta lenso. Kaj tiun torĉon prenos atleto, kiu, post mil metroj da kurado, trovos duan atleton kun dua senfajra torĉo. La unua atleto transdonos la fajron al la dua atleto — pardonu! — al la torĉo de la dua atleto, kaj jen la dua atleto ekkuros. Post aliaj mil metroj, la dua atleto trovos trian atleton kun tria



senfajra torĉo. La dua atleto transdonos la fajron al... sed ne estas necese daŭrigi, ĉar jam vi komprenis, kio okazos. — De atleto al atleto, de kilometro al kilometro, oni kalkulis, ke post dekdu tagoj la sankta fajro alvenos en Berlino, ĝuste ĝuste antaŭ la oficiala malfermo de la Internaciaj Ludoj. Kaj tiam la internacia publiko manfrape aplaŭdos, la internaciaj muzikistoj ludos, la internaciaj flagoj svingiĝos kaj la internaciaj atletoj komencos la konkursojn, en la simbola varmigo de l'Olimpia Fajro kaj en tiu, malpli simbola, de la somermeza suno.

Kompreneble, tiu granda internacieco, ĵus aludita, devigas nin interesiĝi pri la afero. Kaj, dank' al sia moderna kaj multekosta organizo, LA PIRATO povas jam nun liveri al sciavida legantaro kvin bildojn aŭtentikajn pri la giganta relajso-kurado:

La tutan tagon — (Jovo, ho kruela!) —
Sur Olimpio, de nubar' malhela,
Fulmotondradis kaj pluvegis bone:
Kaj la gravuloj venis ja persone,
Kaj malgraŭ pluvo, kvankam en sekreto,
Estiĝis Fajro, ... dank' al alumeto.




Jen vigla kuras for l' atlet' unua,
Sur aĉa strato pro la ŝlimo glua,
Kaj sub la pluv' l' unuan metro-milon,
Laŭkuras li, tenante pluvŝirmilon:
La fajron ŝirmas li kun zorgo, arde,
Sed koto lin makulas leoparde.




Ho malfeliĉa sorto de l' atleto
Devige atendanta en kvieto,
(sed ne trankvile) en la nokt-malhelo
Sur tero nigra, nigra sub ĉielo,
En solo malĝojiga, ĝis l' alveno
De l' fajra torĉo, daŭrigota ĉeno...



Ŝvitante sub la suno de somero
Etpaŝas kaj rigardas al la tero,
Soifa, laca, polva, sen plu forto,
L' atleto, kiun trafis kruda sorto:
Dum varma tago-mez' alporti fajron,
Gajnante nek trinkmonon nek salajron...




Alvenas la relajso je la fino,
La sankta fajro haltas en Berlino.
Aplaŭdas la publiko emocie,
Sonadas muzikistoj harmonie...
Sed, ĉu la sama fajro estas ĝi,
Veninte al Berlin' de Olimpi' ?!?...

K. T. P.

*(Fotoj kaj teksto de Clelia Guglielminetti.)*



# TAJLORISMO

Ni ĉiuj legis la lastan artikolon de nia Ŝipestro kun iom da miro. La banklaboro ne plu lasas al li sufiĉe da tempo por okupiĝi pri La Pirato? Certe, mi neniel malfidas al nia Ŝipestro, sed tamen mi decidis fari diskretan enketon por kontroli liajn dirojn.

## En la malluma banka kaverno

Tuj post kiam mi deklamis mian titolon de aŭtentika Pirato, mi estis akceptita de iu sklavo, ruĝe vestita, kun dek galonoj sur ĉiu maniko de la jako, kiu kondukis min al la Supera Ĉef-Bankestro.

Post rita nazfroto kun tiu altnivela ulo, ĉi tiu tre flue alparolis min, serĉante siajn vortojn en malgranda vortaro :

« Saluton, o Pirato, mi estas kontenta vidi vin ; ni ja estas fratoj ne nur laŭ Kristo sed ankaŭ laŭ nia vivmaniero, ĉar ankaŭ bankisto estas pirato, sed pirato protektata de la leĝo, dum vi..... »

Mi ne povis interrompi lin, ĉar mi estis kaptita per lia... vorta reto ! Kaj nur post kelkaj horoj mi sukcesis demandi : « Diru, sinjoro Supera Ĉef-Bankestro, ĉu estas vere, ke nia Ŝipestro ne plu havas liberan tempon en via oficejo ? Ĉu estas vere, ke nun li devas labori por la Banko ? »

« Povas esti, ĉar nun ni laboras laŭ novaj metodoj. Ni estis devigataj enkonduki laborrotojn en la banklaboron. »

« Ĉu vere ? »

« Jes, kaj via Ŝipestro havas nun la taskon organizi unu roton. Jam li komencis kun certa sukceso. »

« Se mi ĝuste komprenas, nia Ŝipestro organizas ĉi tie la bankroton. Mi ne dubas, ke li tre rapide atingos la celon ! Ĝis ! »

J. Manceau.



*SUR LA KAMPO DE L' SCIENCO*

# La Pendolomanio

La Pendolomanio estas, kiel ĝia nomo klare indikas, Scienco pri la Pendolo. Jam de kelkaj jaroj disfamiĝas multaj diroj pri tiu mirinda scienco, al kiu oni ŝuldas tiom da interesegaj malkovroj de perditaj personoj, kaŝitaj kadavroj, vivodonaj fontoj, riĉigaj metalminejoj, ktp. Jes, multaj gazetlegantoj eksciis pri tiuj mirigaj aferoj, sed malmultaj scias, kiel tio povas okazi. Ja ĉiufoje estas parolate pri iu ĉion-scia pendolo. Sed, simile al Pireo, ĉu ĝi estas homo aŭ... trinkaĵo? Nu, ankaŭ la Piratojn, ĉiam sciavidajn, tiklis tia interesa demando, kaj ni informiĝis. Unu el ni, ne la malplej stultan, sed certe la malplej harditan, ĉar li ankoraŭ ne entreprenis kun ni malproksimajn kaj danĝerajn marvojaĝojn — tion bone pruvas lia nomo « Riveran' », kiun ĝuste tial vi ankoraŭ ne aŭdis, — unu el ni, mi diris, ni komisiis por enketi pri la pendoloproblemo. Tiel ni samtempe kontentigos nian scivolemon kaj provos lian kapablon. Preninte rezervon da maĉtabako kaj fintrinkinte niajn glasrestaĵojn, Riveran' forlasis nin, kun iom da emocio, survoje al sensacia sed eble timiga esplorado.

Ok tagoj pasis... En nia kaverno ni foje pensadis, fumante kaj de tempo al tempo kraĉante flavan salivaĵon, longtempe primedit, kiel sur la ferdeko dum la trankvilaj, stelplenaj noktoj... ni pensadis do pri la aventuroj de nia speciala sendito, kiu eble nun trasuferas mil kaj mil danĝerojn... kiam subite malfermiĝis la pordo kaj envenis, pala kaj morte laca, Riveran'.

« Hej! jen Riveran' », diris ŝajne senafekte sed iom malaplombe Sala Fumal, dum ni ne kuraĝis eĉ unu vorton ŝovi, « ĉu io nova? » Riveran' sidiĝis, viŝis sian gutantan frunton kaj febre murmuris : « Ha, vi vidos...

pendolo... eksperimentoj... sukubo... inkubo... » Ni restis senvortaj. Dume mi puŝis antaŭ lin brandglaseton, kiun li avide malplenigis. Li iom trankviliĝis kaj eltiris el sia poŝo 40-centimetran fadenon je kies fino balanciĝis ora ringo, kie kaperita, nur Dio scias! Ĉiuj gapis. « Tio estas pendolo » diris Riveran', kaj li tiris la manon de Sala Fumal, sternis ĝin sur la tablo kaj super ĝi pendigis de inter siaj fingroj la maŝinon... pardonu, la pendolon. Ĝi pendis senmove... dum momento, sed post kelkaj sekundoj, jen ĝi ekmoviĝis de dekstre maldekstren kaj inverse, unue nur malvaste, sed baldaŭ la osciloj iĝis ĝis 12-centimetraj. Kaj tamen, ni bone rigardis, lia mano estis absolute senmova.

Tenante ĉiam la pendolon, Riveran' forpuŝis la manon de Sala Fumal kaj nun tiris sub la pendolon tiun de Pulbuŝel (la dekstran, ĉar la maldekstra ja tenis la pulbuŝelan pipon). Nu, mirakle! la pendolo iom post iom haltis, kaj tuj oscilis en la kontraŭan direkton, de antaŭe malantaŭen kaj inverse. « Jen », fiere rimarkis Riveran', « mia pendolo divenas la sekson de ĉiu persono al ĝi prezentita ». Kaj por pruvi, ke li eĉ senkonscie ne « influas » la pendolon (ĉar li ja konas aŭ suspektas la privatan sekson de ĉiu el ni), li metigis sub la pendolon *leterojn* de personoj nekonataj de li kaj la pendolo eĉ ne unu fojon eraris.

Riveran' tre ĝuis nian miron kaj por pligrandigi ĝin, li tuj provis alian eksperimenton. Li tenis super glaso la pendolon, tiel ke ĝi pendis je ĝia centro. « Sufiĉas forte pensi ekz. 10 batojn, kaj post ioma tempo mia pendolo sonoros 10 batojn kontraŭ la rando de la glaso, kvazaŭ horloĝo. » Efektive li sukcesis sonorigi 10 batojn, poste kiom laŭ nia peto. Kompreneble ni severe kontrolis liajn gestojn, kaj kiel honestaj piratoj povas aserti, ke li tute ne trompis, ankaŭ ne provis.

Jen estis granda revelacio : la pendolo povas montri ĉion deziratan, se oni scias interpreti ĝiajn mov-

iĝojn. Ja ne estas necese multe insisti, por kredigi al niaj ŝatataj kaj inteligentaj legantoj, ke ni aplikis la pendol-kapablon al ĉio interesa.

Preminte niajn cerbojn kiel sukplenajn citronojn ni alvenis al admirindaj malkovroj. La pendolo kapablis indiki akuzativ-erarojn : super la tuta kolekto de « La Pirato », ĝi ne moviĝemis, kompreneble ! Super akademi-cirkulero, ĝi havis efektivajn sed ne tro multajn vagadojn. La rekordon atingis letero de Ferrari : super ĉi tiu specimeno la osciloj estis frenezaj.

Retsigor, konata pro sia sciencemo, trovis rimedon por scii la sekson (kaj eĉ koloron) de la ludkartoj, ĉu reĝo, damo, knabo, ktp., kio estas tre utila, kiam oni ludas briĝon aŭ pokeron. Nia elita legantaro facile komprenos, ke ni ne volonte liveras ĉi tiun sekreton, kiu devas profiti unue al ni mem.

Sed ni volonte metas je la dispono de la publiko, por la ĝenerala bono de la Scienco, kelkajn interesajn eblecojn de la pendolo.

Dank' al ĝi estos de nun facile certiĝi pri la ineco aŭ ne-ineco de kelkaj sportulinoj, kiuj foje estas sportuloj, ĉu ne, Fraŭlino Kedna Kubkova ? Ankaŭ tre utile estos, por la oficistoj, batigi de la pendolo ses batojn, dum apenaŭ estas la tria, por kredigi al la estro, ke jam venis la elir-tempo. Ktp., ktp.

Nia kuraĝa ŝipanaro do entreprenis la unuajn paŝojn vere praktikajn en la nova scienco. Mi ne dubas, ke la Pendolomanio allogos multajn inteligentajn homojn kuraĝigitajn de nia pionira ekzemplo, kaj ke tiel la Homaro pluan gravan etapon atingos sur la vojo al la Dia senfina Progreso.

Geror Brander.

*Kial oni ofte diras, ke ŝipo estas kiel nuksoŝelo sur la maro ?*

*Pro... l'avelo ! (Hm, hm !)*

J. Manceau.




LIGILO (Ĉeĥosl. — Okt.) — « Forlasinte la palacon ni ankaŭ definitive fermis la kongreson kaj post unu horo ni jam troviĝis sur nia ŝipo " Sinaia " por viziti kun *ŝi* novan belan parton de la mondo. »

*Ne nur kun ŝi sed ankaŭ sur ŝi !*

LA REVUO ORIENTA (Okt.) — « La metiejo apartenis al *maljuda* estiminda geedza paro. »

*Evidente temas ĉi tie pri malcirkumcido ; sed kiu faros al ni desegnon, por ke ni pli bone komprenu ?*

BULTENO DE I. S. A. E. (Okt.) — « Ni memorigu, ke estas uzataj ankaŭ alimaniere valvoj de Tosofo *) (Telefono Sen Fadeno) por gardi objektojn. Kiam ŝtelisto al la objekto alproksimigas manon, ekfunkcias sonorilo, kiu helpon alvokas. »

*Kaj dank' al tiu helpo la ŝtelisto povas forporti multajn objektojn.*

FRANCA ESPERANTISTO (Nov.) — « Ni petas la grupojn varbi kiel eble plej da membroj por *1986*. Tiu varbado permesos la aperon de la jarlibro... »

*Se vi atendas la jarlibron, havu ankoraŭ iom da pacienco !*

LA SUDA STELO (Nov.) — « Ni havis la okazon admiri la salonojn de la historia *malmova* kastelo. »

*Jen kastelo, kiu bonege konvenus kiel sidejo de nia Movado.*

SAMLOKE. — « Lubljana estas elirpunkto por ekskursoj kaj montaraj turoj. »

*Tiuj montaraj turoj tre logike estas adeptoj de... turismo.*

---

*) Radio.

SAMLOKE. — « ... verkisto Badiura kunmetis libron pri 100 ekskursoj al 100 diversaj partoj, kiujn povas la turisto plenumi dum unu tago. Malmultaj urboj en Eŭropo povas fieri pri tio. »

*Ni povas aldoni, ke eĉ en Ameriko...*

PROLETA VOĈO (Dec.) — « Sen iu ajn adjektivo la vorto *neŭleco* estas abstrakta. »

*Jes, jes, tre-tre abstrakta.*

NIA GAZETO (Dec.) — « Pli valoras varbado de unu generalo ol de dek soldatoj, de unu instruisto ol de dek *ternantoj*. »

*Do, la propagandistoj sin turnu prefere al malvarmumiĝintaj instruistoj. Tiel ili povos varbi homon, kiu estas samtempe unu instruisto (= 10 ternantoj) plus unu ternanto (sume : 11). Jen praktika matematiko, sed aliflanke, kiel komplika fariĝas la propagando !*

FRANCA ESPERANTISTO (Jan.) — El recenzo pri BES-adresaro : « En tiu adresaro vi tuj trovas la deziratan adreson de l' homo, kiu respondas al viaj inklinoj kaj deziroj. »

*Hm, hm, la BES-adresaro entenas eble ankaŭ la adreson de l' paradizo. Sed — kiel rimarkigis franca amiko — ĉu BES ne estas nur neologismo ?*

LITERATURA MONDO (Jan.) — « En la vagonaro vakis ankoraŭ angulo-placo. »

*...sed jam ĉiuj stratoj estis plenplenaj !*

LA MONDO (aperas en Shangai. Aŭg.) — « Efektiva kampula fekaĵo ankaŭ kvalite similas hundan aŭ ĉevalan. Nome, ĝi estas ne mola ordinar-homa, nek glueca nek malbonodora. Kiel fekaĵo de leporo aŭ ĉevalo, kiu vivtenas per herbo, estas multe pli simpla ol de homo, tiel fekaĵo de kampuloj estas multe pli simpla k pura ol de ordinaraj homoj.

En vilaĝoj de iom profundaj montoj ankoraŭ oni ne uzas paperon por viŝi la anuson, sed per pajlo. Mi ankaŭ aŭdis, ke streĉitan ŝnuron oni transpaŝas post fekado. Ankaŭ spatelon oni ofte uzas. Tiu, kiun mi vidis en monto de Hida, estis ege pompa el rektvejna cipreso, k tamen tia preskaŭ ne trovebla. En suda parto de japana lando oni ĝenerale uzas bambuon. Ĉiujare oni havas tagon de " spatel-lavo ", mi aŭdis, ke ĉiuj familioj eksterordinare manĝas frandaĵon, kiu tamen estas fritita lotus-rizomo k legumeno. »

*La titolo de tiu ĉi artikolo estas FEKAĴO. Tio ne mirigas nin ; sed la aŭtoro nomiĝas TAKAKURA, kaj tio tre mirigas nin. Ĉar, normale, li devus nomiĝi KAKATURA. Sed eble estis nur simpla preseraro.*

# El la poemaro de Verda Azeno

J. E. CRARY

---

## El la ciklo : PATRO KAJ FILINO

Kara, evitu tro da ŝminko!
Ne ŝmiru kiel la barbar'
Aŭ sovaĝul' en praarbar'!
Jen estas mia korkonvinko :

Viro suspektas, laŭ instinkto,
La kaŝitaĵojn sub ripar',
Suspektas eĉ pri la harar'
Kaj... mankos ring' por via fingro.

Vi fireklamas per ĉi ŝminko!
Pli bone peras en atingo
Benata de l' natur' figur';

La mode deca kokso-svingo,
La nete silkvestita krur'
Pli gravas en la am-konkur'!



## HU! HUHU! HUHU!

Naiva am'! — Jen sidas du
En lunkisata rendevu':

Manet' en mano mole kuŝas...
Sed brulas, kie man' ne tuŝas.

Matura prun' surbranĉe pendas
Kaj prenan manon pret-atendas.

Kuraĝon... lia kor' mensogas,
Sed lia kap' la koron mokas.

Ŝi nur sopiras kaj silentas...
Sed ene varma sang' turmentas.

Kaj ili sidas flankapude,
Nur man' al man' kuraĝas trudi.

Kaj ili sidas kaj atendas
Kun koroj, kiuj bate plendas.

Lin skuas tento de Adamo...
De Eva, ŝin, laŭ prakondamno.

Proksime sonas nokta bru'
Ulula: HU! HUHU! HUHU!

Ŝi saltas pro subita timo
Kaj ĵetas sin al lia sino.

Ekinstruiĝas la principoj
Pri utiligo de la lipoj.

Kiel glaci' sub arda sun'
Degelas ŝia timo nun.

Kaj tiel plu, — kaj pli kaj plu
Ulula: HU! HUHU! HUHU!

Nu... jam ne ĝenas nokta bru'
Ĉe l' lunkisata rendevu'.

De malproksim' alia sono:
Huhu... huhu... en mola tono.

La strigo iras flugilpele
Por serĉi amon siacele.

Zefiroj kisas la silenton,
Kie junec' eksvatas tenton...



## EL LA TAGLIBRO DE JUNA ĜIGOLO

### DIAFANA

Ŝi estas mia klientin' dimanĉe...
Vidvino juna, kara Diafana;
Ŝi loĝas en kampara hejm' kabana,
Kie la birdoj kantas arbobranĉe,
Ŝi kuras al renkonta karambolo
Kaj miajn kisojn prenas kvazaŭ manĝe...
Ni frandas amon en duopa solo;
Konsolon ŝi aĉetas... nur dimanĉe.
La mona gajno estas ja obola,
Fruktaj riĉaĵoj la alpag' laŭvola.

## LUCETA

Ŝi estas kara klientino lunde...
Impeta, gaja, ĉarma in' Luceta;
Jam mia kor', kun bata bru' ripeta,
Eksaltas, dancas, petolante hunde
Al nia renkontejo kaŝsekreta.
Ŝi amas amon, donas ĝin profunde;
Kun kara emocio maldiskreta,
Malpacience ŝi atendas lunde.
Ŝatata klientino ĉi Luceta
Kaj pri la pago... akurate preta!

## MIGDONA

Ŝi estas mia klientino marde...
La postulema fajra in' Migdona:
Per flama amo ĉiam sinpropona,
Avidas je kares' kaj donas arde,
Sen gal', sen splen', neniam fanfarona,
Dolĉaĵojn malavaras eĉ bombarde...
Diino de l' pasi', de am' ciklona;
Bonŝance ja ŝi havas min — nur marde!
La postulema fajra in' Migdona
Instigas min per pli ol oro sprona.

## MARGURITA

Mi vere ŝatas havi vin merkrede,
Ho kara, moderema Margurita,
Ĉiel-donaco de ripoz' profita
Post noktoj de pasia lukt' ĝisteda;
Ŝatata an' el klientar' elita...
Ŝi ĝuas ludon en duop' kviete
Kun pacgracia kuno amo-rita:
Iĝas feria tag' por mi... merkrede;
En via dolĉa preno sibarita
Mi servu ĉiam vin, ho Margurita!

## LENORA

Ŝi estas kara dungantino ĵaŭde...
La orharara karulin' Lenora
Kun koro pli ol la hararo ora;
Ŝian belecon oni kantas laŭde,
Kun fea trudo en la lud' amora,
Kolibra kis'... ŝi ĝemas, sed mallaŭte,

Laŭ manier' subtila, sed fervora,
Regalas nepre sin, nu ja... nur ĵaŭde,
Petola postulemulin' trezora,
Vi pagas pli ol oron, ho Lenora!

## VERONIKA

Ŝi estas mia klientin' vendrede...
Pasiavida, varma Veronika;
En ĉiu faz' de ludo erotika
Ŝi prenas-donas plej rimedoprete;
Jen amantino vere ludunika!
Ŝi havas ĉion, donas ĝin ripete
Kaj ĉiam restas por redon' efika:
Bonŝance ja okazas nur vendrede!
Mi ŝatas am-aĉetan Veronikan
Kaj ŝian or-donacon gratifikan.

## BOVINGRASA

Jen klientin'... sabate posttagmeze,
La granda lud-knabino Bovingrasa:
Virino postuleme embarasa;
Kromamon ĉasas, ho-la-la, freneze!
Malgraŭ la dika brusto molkusena
En ŝia prem' minacas ost-rompiĝo,
Pensigas pri fatala entombiĝo!
La Bovingrasa estas damna plago,
Sed tre konvenas... ŝia granda pago!

## SIBILA

Ŝatata kara amantin', sabate...
Sekura, pasi-sobra in' Sibila:
Varmeta en la amo, eĉ humila,
Proponas kaj disponas delikate;
Ripozas mi sur ŝia sin' facila
Post la semajna deĵorad' elspeza...
Ĉi malstreĉiĝo estas ja utila;
Ho mola, lula intimec' kompleza!
Katenu min sur via sin' trankvila
Kaj sabatiĝu ĉiu tag', Sibila!

ooooooooooooo




*Wranka Dragutin.*

Julio Baghy tramigras la mondon.

« Se donas Di' al vi favoron,
Li sendas vin for el la dom'
Por fari propagandlaboron
Kaj paroladojn al la hom'... »

# Fine ! Esperanto triumfas !

Tro ofte ni plendis, ke Esperanto ankoraŭ ne eniris plenrajte, kiel aliaj modernaj aparatoj, la ĉiutagan vivon. Sed nun ni estu kontentaj ; ni tenas la pruvon, ke Esperanto estas kulturfaktoro ! — La 20-an de marto aperis en tre konata Pariza gazeto « Paris-Midi » la sekvanta, bonega artikolo, sub gigantlitera titolo :

**ESPERANTO PUŜIS LOUISE VANDERPERT AL ADULTO KAJ AL MORTIGO DE SIA AMANTO**

**Pro tio ŝi staros hodiaŭ antaŭ la Tribunalo de Douai**

La tribunalo de Douai juĝos hodiaŭ Louise Vanderpert, edzinon de Duval, kiu la 7-an de novembro, en Hautmont, mortigis siân amanton Marcel Tainmont.

Ambaŭ lernis Esperanton. Tre ofte li vizitis ŝin, vespere, en ŝia hejmo kaj ĝis malfrua horo tiuj du studemaj ge-Esperantistoj kon-

jugaciis la verbon ami. — Sed sinjorino Tainmont baldaŭ maltrankviliĝis pro la Esperanta fervoro de sia edzo kaj, vole-nevole, Marcel Tainmont devis delasi sian kunlernantinon. Tial Louise Vanderpert, komprenante, ke ŝi perdos lin, preferis lin mortigi...

Kaj nun venu ankoraŭ iu molkapa filistro por rakonti al ni, ke Esperanto ne estas io serioza!

SALA FUMAL.

---

# PRI LA KATO

*Hejma skribtasko de vortaristo (iom mallongigita).*

Kiel konate, la kato estas utila, sed tre malica hejma besto. Ĝi forgesas, simile al virinoj, kelkjaran amikecon post kelkaj tagoj. Tamen al mi ŝajnas, ke neniu tiel multe memoras pri la maliceco de la kato, kiel Esperantistoj. Akcentante la logikecon de nia lingvo, ni por la eternaj tempoj volas konservigi la memoron pri la nomo de tiu malgranda, karesema kaj tamen malfidela besto.

Jen, kial ni devas nin gardi de la kato: Neniam permesu, ke la familio de via kato pligrandiĝu, ĉar vi povus farti tre malbone. Timu la kat-aron! Se tiu kataro, kutime impertinenta, foje atakas vian nazon, vi ricevas eĉ kontraŭvole fortan nazkataron. Ke tio estas malagrabla, ĉiuj bone scias, precipe tiuj, kiuj rendevuas kun fraŭlinoj.

Kvankam ŝajne tre pacema, la kato apartenas al la familio de la rabobestoj. Krom la musoj ĝi atakas ankaŭ utilajn birdojn. Evitu tial, ke proksime de via domo eknestu grandaj birdoj, pli speciale la falkoj. Pro tio, ke la falko estas tre granda, la kato ne povas ĝin formanĝi tuj kaj ĝi eble konservos la birdon ie en via domo. Kaj tiel kaŝita kata-falko povos kaŭzi al vi malagrablaĵojn. Mi ne kredas, ke en tiu okazo vi povus esti feliĉa, escepte se temas pri katafalko de via riĉa bopatrino.

Plue, — ne tro batu vian katon! Ĝi povus preni sian ruzan katan plumon kaj skribi plendon kontraŭ vi. Malice ĝi povus peti subskribojn, sub tiu akto, de la tuta najbara kataro, kaj la juĝisto, ricevinte tiun katar-akton, povus tondravoĉe vin voki al juĝejo. Imagu, kio okazos, se juĝisto ricevas katarakton! Li devus apliki la paragrafojn parkere kaj blinde! Kaj kiam oni pripensas, kiom malbone la vidantaj juĝistoj aplikas la paragrafojn.....

Zorgu, se vi havas katon, ke en via hejmo ne estu plumo aŭ papero. La kato estas tre sentimentala en amo kaj ĝi povus ekverki ian aman strofon. Sufiĉus, se via edzino trovus tian strofon..... Al vi estas egale? Vi verŝajne ne ekkonscias pri tio, kio estas kata strofo en via domo, precipe se ĝi estas financa!

Pri kata logo mi ne bezonas paroli, ĉar mi estas certa, ke ĉiu edzo bonege gardos sian hejmon kontraŭ katalogo, precipe kontraŭ tiuj, kiuj koncernas la virinan modon.

S. BALKANANO.




# LA ENIGMO

La Piratoj kuŝis sur la ferdeko en sia angulo kaj trankvilis. Tiam ili rimarkis, ke el la kajuto de l' pasaĝeroj elvenas junulo, kiu direktis siajn paŝojn — pli malpli rekte — (ĉar la ŝipo iom balanciĝis) en ilian proksimecon. Estis la pasaĝero Huĉjo; la Piratoj konis lin, ĉar li jam kelkfoje klopodis enmiksiĝi en piratajn okupojn. Sendube li denove volis, ke oni petu lian kunlaboron, tial la Piratoj kunigis siajn kapojn pli intime kaj ŝajnigis, kvazaŭ ili ne rimarkus la alveninton. Forpeli ili ne volis lin, ĉar ne decas ofendi pagantan pasaĝeron.

Kelkfoje Huĉjo tusetis, por atentigi la babilantajn Piratojn pri sia ĉeesto, sed vane! Tiam li mem komencis paroli kaj diris: « Sinjoroj Piratoj, mi scias enigmon! » — « Ne gravas », respondis tolereme la ĝentila Geror Brander. Kuraĝigite Huĉjo daŭrigis: « Kiu el vi scias, kiel oni ekkonas monaĥinon en civila vesto? » — Kontraŭvole la Piratoj ekinteresiĝis, kelkaj el ili eĉ komencis cerbumi. Oni diskutis la demandon kaj ĉiuj parolis samtempe, nur unu silentis — la pasaĝero. Plurfoje oni petis lin, ke li fine diru la solvon, sed li kun sadista ĝojo lasis ilin streĉi siajn kapojn. Fine kriis tre decide Pulbuŝel: « Nun mi demandas vin lastfoje; kaj se vi ne respondas tuj, vi ricevos tri energiajn vangofrapojn! Do, kiel oni ekkonas monaĥinon en civila vesto? » — « Tre malfacile », venis modeste la respondo el la buŝo de Huĉjo...

La vangofrapojn li tamen komplete ricevis — kvankam ne decas ofendi pagantan pasaĝeron.

H. P.

# El la poemaro de Tyne Verum

## LA ELIZEAJ KAMPOJ *)

Li, humila kiel kardo,
Estis malfeliĉa Sardo
Naskiĝinta, laŭ hazardo,
Je la antaŭfasta mardo
En la stato de bastardo.
Loĝadante en mansardo
Manĝis panon kun mustardo;
Ne sopiris li al lardo,
Nek al rosto de gurnardo. **)

Nur vestita per fulardo,
Ornamita per kokardo,
Kun bastono de bilardo,
Kantegante kiel bardo
De la Juna Avangardo,
Li ne zorgis pri singardo,
Nek pri ĝusta la boardo ***)
Dum la poezia ardo...

Ve! alvenis kun standardo,
Je distanco de miljardo,
Grup' armita per ponardo
Kaj minaca halebardo...
Vidis lin per ekrigardo:
— « Ĉu ne estas kamizardo? — ****)
Kaj komencis per bombardo.

Li, kuraĝa leopardo,
Pli bruegis ol petardo,
Ho sed vane! vane! — ĉar do
Nun li kuŝas sur brankardo...

---

*) Komparu: La Rimisto, La Pirato, p. 123, jaro 1935.

**) Gurnardo povas esti birdo.

***) Boardi: zigzage navigi pro la kontraŭa vento, kiel ĉiu pirato scias.

****) La vorto kamizardo eble havas sencon, sed kiun?

# LIA FILO

« Mi mortas, ho kara Izako! »
Rebeka sopiras,
« La kor' min doloras sub jako,
Mi tial deziras
Konfesi al vi, antaŭ Di',
Ke Bramĉjo, la knabo,
Ne estas la filo... de vi! »

« Ho ve! Tiu rabo
De mia feliĉo min premas,
Rebeko! Rebeko! »

« Izako, la kaŭzo... mi tremas...
De tiu ĉi peko,
Ĝi estis ja tiu persono
Kun bukla hararo,
Vi scias, ĉu ne, el Londono. »

« Pri via korp-faro,
Rebeko, mi ne priatentas,
Sed Bramĉjo!! L'ideo
Lin perdi, ho ve, min turmentas. »

« Tre prava ekveo:
Mi... pagis la viron, ho honto! »

« Pri propra la mono
Disponu, pri propra la konto,
Sed Bramĉjo, la krono... »

« Izako, ne ĉio jam estis...
El via veŝtpoŝo
Mi ŝtelis — vi dume siestis —
Ja groŝon post groŝo... »

« Hura! mia Bramĉjo! — Ho vi,
Rebek' saĝe agis!
Ho Bramĉjo, vi estas de mi,
Ĉar mi ja vin pagis! »



# STULTAĴOJ

## LA AMO

Bilarda ludo, de la vera amo
    Estas la simbolo:
Ronsarda tuŝo de la arda flamo
    Estas *kar-am-bolo.*

---

La *baremo* de l' salajroj
    Por l' oficistaro:
Nur *bar-emo,* ĝenerale,
    De la registaro...

---

Profesie la kasisto
    Ludas *kase rolon*:
Profesie policisto
    Metas lin en... *kaserolon!*

---

## SATELITO

En nia bonorda socio
Rondiras, ĉu ne, sat-elito,
Rajtanta je plena porcio:
Planedo pro propra profito,
    Malsatelito
    Aŭ stratelito,
Nenie trovebla vortparo,
Eĉ ne en la SAT-vortaro.

---

Ĉiu konas de l' edzin' la karakteron;
Tial kun ŝi ludas *kar-akt-er-on.*

---

Estas fakto, ke barb-iro
Alkondukas al barbiro;
Ne necese, ke barbaroj
Ornamiĝu per barbharoj.

---

## TESTUDO

Dum ni sidis sur teras',
    ĝuante pri la teo,
Mi ricevis sur la tas'
    ...kaj sur la kap' tegolon
Mia fil', de sporta *te-ras'*
    anstataŭ la ekveo
Pro danĝera la frakas',
    ekkriis nur: « *Te-golon!* »

(Premiita en Floraj Ludoj.)




*Wranka Dragutin.*

Oni ja surmetis alian korkon, — sed tio ne sufiĉas por havi novan botelon!



**Frakciojn oni formas per -on**

« Strange, ke la Abisenoj ne ŝatas la italajn bombojn. »

« Ĉu vi ŝatus la bombojn? »

« Ne tutaj, sed dispecigitaj. »

« Mi ne komprenas. »

« Nu, partoj de bomboj ja estas bombonoj. »

SIBO.



**Pulvo kaj oro**

« Mi ne komprenas, kial la italoj kolektas oraĵojn. Ili ja ne povas pafi per oro... »

« Tamen: ili muelas la oraĵojn; rezultas pulvoro; de tiu pulvoro ili forprenas la oron; restas la pulvo, per kiu ili povos pafi. »

SIBO.



**Maŝo kaj maŝino**

Fiŝkaptisto al helpanto:

« Mi ordonis al vi fari novan reton, kaj farinte unu maŝon vi ĉesis labori kaj iris promeni. »

Helpanto: « Jes, sed mi kuŝigis tiun maŝon sur la maŝinon, esperante, ke mi poste trovos multajn maŝojn, ... eble tutan reton..... »

SIBO.



**Inter dikeguloj**

« Mi havas konaton, kiu perdis kvar kilogramojn, ĉar depost du monatoj li vivas sole de bulboj. »

« Kompreneble, se li vivas de bulboj, li devas vivi sole! »

HUĈJO.

## Por adiaŭi

# « Drama Ŝippereo »

## (La Pirato malaperas)

---

En ĉiu travivaĵo, spitaranĝita de tiu moraliga kaj multhorizonta ekzisto, kiun ni vivas sur balanciĝanta ferdeko, ni ĉiam unuanime konsentis strebi al trafo de tio, kio estas bona — ne male. Enabismiĝo, tia kia nia, estas unika en tiaj cirkonstancoj. En ĝi kuniĝas ĝustadoze la harmonio de sinofero kaj animpureco, de grandiozo kaj sublimo. Admirinda en sia modesta elmontro estas tiu impona kaj kapturniga (por filistroj) spektaklo de nia heroeco, kiun ni liveras unu al aliaj. Ni ne pereis pro ĉagreno kaj sukcesis preskaŭ sendifekte elporti la decidon de l' sorto. Anstataŭ cedi al zorge artefarita emocio kaj bleki emfaze nian sopiron, kiel faris Ale ben Tarip en sia vindaĵaĝo, kiam oni demamigis lin, ni decidis miksi nian neŝanceleblan bonhumoron al la ĝojo de niaj abonantoj. Efektive, dank' al la ĉeso de niaj kaperoj, tiuj estimindaj moŝtoj ne plu pagos al ni sian militimposton, nome abonon, kaj vivos for de ĉiu servuto. La svenemaj delikatuloj kaj aliaj palsanguloj povos por trankviligi siajn korbatojn kaj bedaŭrojn metamorfozi tiun abonkoston en ingrediencojn drastajn kaj forgesigajn. Eble tiam ili taksos La Piraton je ĝia vera nivelo, kiam ili konstatos, kiom malmulte oni povas trinki kontraŭ unu abono kaj kiom da bonhumoro mankos al ili eĉ post sorbado de malsekaj kaj fortaj materioj.

Nun sur honora breto, apud nia plej alta masto, staras konservitaj en superkvalita alkoholo kaj en specialaj ujoj el kristalo, kie ili — pacon kun ili ! — dormas sian lastan dormon : Ale ben Tarip, Jules Laribois, Condorcet, Mafja, A. B. C. Awful kaj multaj aliaj, kiujn mi estus volonte aldoninta al la jena listo,

se ili estus komprenintaj pli frue nian reklamtarifon. Tuj kiam la Universala Esperanto-Muzeo de Wien estos haviginta al ni antaŭpagon de la afrankkostoj, ni povos ekspedi la karajn objektojn al tiu mondkonata konservejo.

Sed restas la restantoj, kiel diris fama sciencisto.

Joseph Nels protestas kun videbla sincero kaj forta bedaŭro, ke la malaperon oni ne dankas al li. Kiel korŝira estas la malapero de nia kajero! Ĝuste en la momento, kiam ni projektis aperigi multepizodan aŭtobiografion de Nels! Tia verko, laŭ nia sperta takso estus povinta mortigi pro intensa ridado sep generaciojn da normale naskitaj homoj.

Retsigor uzos sian potencan dialektikon por novaj objektoj kaj cetere lia etereca korpo jam forlasis nin kaj nuntempe eluzas siajn botojn kaj salivon sub alia klimato. El ni ĉiuj li estas la plej kortuŝita. Liaj plorsingultoj diskrevigis nian kompateman koron kaj nur Sala Fumal sukcesis, dank' al siaj dolĉaj luloj, kvietigi lian buban angoron.

Kraspek-Krasing Pulbuŝel reiris al siaj intelektaj distraĵoj, nome al sia fama kolekto de kafkuleretoj (kiun li pacience starigis iompostiome, okaze de tagaŭ vesper-manĝoj en hejmo de miopaj amikoj) kaj al K. K. K. K. (Kooperativa Kuniĝo Kontraŭ Kiso), por kiu li baldaŭe aranĝos edifan paroladserion.

Roger Bernard, la laŭleĝa respondeculo de la kajeroj, sur kies ŝultroj pezegadis la zorgoj de tiu ofico kaj kiun la timo kaj tremo, ke li havos rilatojn kun la polico, igis nervema kiel nudela plektaĵo, nun retrovis siajn trankvilon kaj vervon. La sereneco de lia dormo jam fariĝis proverba.

Solsona, kvankam pro la pereo de l' Pirato li perdas sian plej brilan klienton, elportis la baton kun stoikeco. Li eĉ fanfaronis kaj rektigis sian altan silueton kaj tiel akiris kelkajn pluajn colojn, kio transportas lian kreskon ĝis 2.830 milimetroj. Ja li iom plendas pri malvarmo sur la verto, kion oni povas facile klarigi pro la temperaturo reganta je tia alteco. Spite de

tio, li asertas, ke li facile alkutimiĝos al mallaboro. Li sciigis nin, ke pro sia senpera rigardo en la stratosferon li volonte liveros al interesatoj ĉiujn necesajn meteorologiajn antaŭdirojn. Pro tiu kapablo lia, ni publikigas, en ĉi tiu *decembra* numero, ke pluvos en Parizo la 7-an de januaro.

Raymond Laval deklaris, ke nun li provos desegni por serioza gazeto. Ĉar la titolo « kunlaborinto de La Pirato » ne estas sufiĉa rekomendo, li intencas inversi la ĝisnunan vicordon de la literoj de sia nomo, esperante, ke oni ne rekonos lin.

Raymond Schwartz rejuniĝis je dek ok jaroj ; liaj sulkoj mal- kaj liaj haroj re-aperis samtempe kun la malapero de ĉia zorgo. Flegme li elportas tiun punon de la cirkonstancoj — puno je deviga mallaboro, kaj propramove akiris en sian pezon kelkajn kilogramojn da feliĉa graso, kaj li planas verŝajne la eldonon de nova Pirato... aperonta post lia emeritiĝo. Se iam melankolia ombro karesas lian frunton, ĝi kvazaŭ fulme vaporiĝas pro la konsola penso, ke vivkondiĉoj pli fortaj ol lia volo tiris la piratan ŝipon en la abismon, ekzakte en la solena momento, kiam ĝia suprenleviĝo al zenito de l' esperantista gazetaro fariĝis pli rapida ol kiam ajn. Kaj fine, ĉu oni povas iel imagi lin malgaja ?

Kun adiaŭa palpebrumo al nia tiom suferinta skribmaŝino, sur kiu jam kreskas belaspektaj fungoj, kaj piedpinte, por ne veki pluajn rememorojn, mi iras el la ŝipo en la havenon de l' ripozo.

PULBUŜEL.

---

## FALEGO

El la ..eta garbo de la famaj kino-aktoroj unu falis lastatempe kaŭzante grandegan bruon. Ĉu vi scias, kiu li estas ? — Estas nia nacia tre konata Henry Garat.

Nia elita legantaro jam komprenis, kial tiu falo kaŭzis bruegon. Sed por la aliaj, kiuj nur okaze legas La Piraton, ni klarigu la aferon :

Estas ja kompreneble, ĉu ne, ke — falante — nia nacia Henry Garat faris multege da bruo, ĉar estis la falo de nia Garat !

J. MANCEAU.

# Oni likvidas

Pro la antaŭtempa kaj ne antaŭvidita fino de La Pirato multaj abonantoj ne ricevis — kaj ne ricevos — tiom da kajeroj, kiom regule ili per sia abono antaŭmendis. Ni, tial, al kelkaj el ili ŝuldas certajn sumojn troe pagitajn.

Feliĉe, por la plej granda parto el nia elita legantaro la abono finiĝas kun la decembra numero ; rilate al tiuj ĉi favoratoj de l' sorto ni estas definitive kvitaj. Koncerne tiujn, kies abono validas ankoraŭ por kelkaj monatoj kaj al kiuj, sekve, ni ŝuldas ankoraŭ etajn sumetojn, ni pensas, ke neniu grumblos, se ni ne resendos tiujn bagatelajn sumetojn, ĉar ja la sendkostoj mem superus la sendotan sumon.

Sed al ĉiuj, kiuj renovigis sian abonon dum la lastaj monatoj de 1935 kaj komence de 1936, ankaŭ al tiuj, kiuj pagis por pluraj jaroj antaŭe, same kiel al nia dumviva abonanto, ni resendos la monon antaŭ la fino de aprilo.

Eble kelkaj — precipe inter la novaj abonantoj — deziros, anstataŭ rericevi sian monon, ricevi la jarkolekton 1935 ; ĝis elĉerpiĝo de nia stoko ni estas pretaj liveri tiun ĉi kolekton al ĉiuj, kiuj mendos ĝin dum la plej proksima tempo. — Same ni konsentos liveri al tiuj el niaj kreditoroj, kiuj informos nin pri sia deziro tiurilata, unu ekzempleron el la verkoj de Raymond Schwartz elektotan inter la sekvantaj :

Verdkata Testamento — Anni kaj Montmartre — La Stranga Butiko
(Prozo Ridetanta estas momente elĉerpita.)

Al niaj Abonejoj ni esprimas ĉi tie nian specialan dankon pro ilia amika kunlaboro kaj petas tiujn, kiuj ankoraŭ ne reguligis siajn kontojn, ke ili bonvolu tion fari dum la proksima tempo.

La... Eks-Administranto
de La Pirato.

---

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# Justeco

Geedzoj sidantaj en sia ĝardeno ekaŭdis konversacion, kiu okazis aliflanke de la arbetaĵ-barilo, inter junulo kaj junulino. La interparolado fariĝis pli kaj pli amema, tiagrade, ke la edzino flustris al sia edzo: "Sendube, Karlo, ni opinias, ke li estas tuj proponanta la edziĝon. Ĉu vi ne pensas, ke estus dece fajfi, por ke li sciu, ke ni estas ĉi tie? "Kial mi tion faru?" respondis la edzo, "ja ankaŭ por mi neniu fajfis".